# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 97**

Bulteno de KAEM

oktobro 2017

---

## Sukcese Okazis la 4a Sud-Azia Seminario en Barato




La historia Kvara Sud-Azia Seminario (SAS) finiĝis en la 15a de oktobro 2017. La temo de la Kvara SAS estis: "Loka Kulturo kaj Monda Civitano". Esperanto estu ilo por koni sin mem kaj sian propran kulturon kaj respekti unu la alian pere de la neŭtrala lingvo. Nur tiam homo fariĝas monda civitano.

Ni decidis okazigi la 5an SAS en Nepalo post du jaroj kaj fiksi la daton kaj lokon unu jaron antaŭ la programo. Ni ankaŭ decidis daŭrigi la nunan komitaton por kunordigi la pluan agadon de SAS kaj formi novan komitaton laŭ la bezono kun la interkonsento de sudaziaj landoj.

La unuaj ĉefaj celoj estos fortigi lokan movadon, precize la movadon en Barato.

Jen estas detaloj de la programo de la Kvara SAS:

La 12an de oktobro 2017 komenciĝis la 4a SAS en Indian Social Institute, Bangaloro, Barato. Unuan tagon okazis nur Esperantaj kursoj de diversaj niveloj. Gvidis la kursojn s-roj Punya Prasad Acharya kaj Stefan MacGill. Okazis registrado de partoprenantoj. Registris 54 personoj el 7 landoj. 38 el Nepalo, 11 el Barato kaj po unu el Hungario, Svisio, Japanio, Francio kaj Rusio. Dume okazis libro-ekspozicio.



La 13-an de oktobro, la solena malfermo okazis je 9:30. Vic-prezidanto de UEA Stefan MacGill kaj prezidantino de ILEI, Mirejo Grosjean, esprimis sian bondeziron. Ili emfazis, ke ili ĉiam pretas kunlabori kun regionaj esperantistoj. Ĉiuj landaj reprezentantoj salutis nome de sia landa asocio. El Barato salutis d-ro P.V. Ranganayakulu, el Nepalo, s-ino Indu Devi Thapaliya, el Japanio, s-ro Hori Jasuo, el Svisio, s-ino Mirejo Grosjean kaj el Francio, s-ino Ewa Grochowsika. D-ro Giridhar Rao bonvenigis seminarianojn. Poste d-ro Giridhar Rao proklamis la seminarian temon "Loka Kultruo, Monda Civitano." Sud-Azio estas regiono de diverseco. Troviĝas malsamaj kulturoj, religioj, manĝaĵoj, vestaĵoj ktp. La loĝantaro estas ligita de iu el tiuj kulturoj kaj lingvoj, sed Esperanto ludas rolon por aliri al la monda kulturo.

Post la inaŭguro sekvis prelego de d-ro P.V. Ranganayakulu. Li skizis historion de la Esperanto-movado en Barato kaj parolis pri tio,

kial nun ĝi ne bonorde antaŭeniĝas. Li eĉ proponis dividi la movadon inter Orienta Barato kaj Suda Barato pro la tro vasta teritorio kaj la lingva diverseco.



Okazis prelego de s-ro Stefan MacGill pri "Analizo de la movado en Sud-Azio". Li dividis la partoprenantojn en grupetojn kaj ili diskutis pri avantaĝoj kaj malavantaĝoj en la suda Azio. Poste okazis prelego de s-ino Mirejo Grosjean pri la seminaria temo. "Loka Kulturo, Monda Civitano". Post la tagmanĝo okazis prelego de s-ro Bharat Kumar Ghimire pri Nepalo kaj daŭripova turismo. Esperanto-movado kaj turismo estas ligitaj en Nepalo. Turismo subtenas la movadon kaj la movado subtenas la turismon. Ambaŭ profitas de unu al la alia. Poste okazis kursoj de Esperanto. S-ino Indu Devi Thapaliya gvidis komencantan kurson kaj s-ino Ewa Grochowsika el Francio gvidis progresintojn. Okazis muzikvespero de s-ro Hori Jasuo post la vespermanĝo je 8:30. S-ro Hori ludis muzikilojn de diversaj landoj kaj amuzis la ĉeestantojn.

La 14-an de oktobro okazis tuttaga ekskurso. Ĉiuj gastoj vojaĝis al Janapada Loka por vidi lokan kulturon kaj historiaĵon. Gvidis la grupon ĉarma junulino Snehaja Venkatesh. Partoprenantoj ĝuis lokan manĝaĵon servitan sur la banana folio en la bela etna parko. Ĉiuj ĉeestantoj surportis esperantan T-ĉemizon por reklami la lingvon. Post la vespermanĝo, sekvis danca vespero kun pluraj nepalaj dancoj prezentitaj de s-inoj Indu Devi Thapaliya, Dipa Dahal kaj Sharmila Phuyel. Poste okazis pluraj grupprezentaĵoj de lokaj gejunuloj.

La 15a de oktobro: okazis komitata kunsido de SAS. Partoprenis ges-roj Bharat, Kotanaga, Giri, Indu, Shree, Punya, Prakash, Mirejo,

MacGill kaj konsilanto Hori. La komitato decidis okazigi la kvinan SAS-n en Nepalo en 2019, aprovis provizoran komitaton de Federacio Esperanto de Barato (FEB). La kunsido aprovis laborplanon prezentitan de vicprezidanto de UEA MacGill. Post la komitata kunsido, je 9:30 okazis prelego de s-ino Mirejo Grosjean sub la titolo "Kiel arbo en Vento: Loka Kulturo, Monda Civitano." Sekvis prelego de s-roj Stefan MacGill kaj d-ro Ranganayakulu pri fortigado de la movado en Sud-Azio". Poste, propono de Stefan MacGill estis akceptita de la grupo. Li proponis 15-punktan laborplanon por antaŭenigi la movadon en Barato.

Post la tagmanĝo je la 2a horo okazis prelego de Bharat Kumar Ghimire "Kiel varbi Esperanton en Sud-Azio." Je la 3a horo okazis prelego de s-ro Siva Naga. Li, kiel sud-baratano, scias sian lokon, sed pere de Esperanto li sentas sin kiel monda civitano. Li parolis pri siaj vizitoj al Japanio kaj Nepalo. Sekvis prelego de s-ro Hori Jasuo "Japana Puparo japanigas svisajn lernantojn". Li sendis belegan japanan puparon al svisa elementa lernejo, kaj ili okazigis Japanan Feston.

La fermo de la 4a SAS komenciĝis je 5:30. Ĉiuj landaj reprezentantoj esprimis siajn opiniojn. s-ro Stefan MacGill, Vicprezidanto de UEA, diris, ke la kvara SAS estas historia paŝo de la regiona movado. Li esperis, ke la laborplano prezentita de li estos plenumita kaj ĝi estas grandega paŝo por antaŭenigi la movadon. D-ro Giri klarigante pri la seminaria temo diris, ke ĉiuj agadoj de SAS per si mem estas interkultura kompreniĝado. Sud-Azio estas la regiono de multlingva kaj multkultura, Esperanto instruas nin respekti alies kulturon kaj lingvon. Tio eblas pere de nia neŭtrala lingvo Esperanto. Ni konu la lokan kulturon en la mondo pere de Esperanto kaj samtempe iĝu mondaj civitanoj. Li dankis al ĉiuj, kiuj helpis por la Seminario.

**Estraro de SAS**

Komitatanoj: Bharat Kumar Ghimire (Nepalo, sekretaria laboro), Kotha Naga Siva Kumar (Barato), Shabbir Ahmad Sial (Pakistano), Zeiter Perera (Srilanko). Konsilantoj: S.S. Pal (Barato), Hori Jasuo (Japanio) kaj Renato Corsetti (Italio).

Raportis Bharat Ghimire

**Laborplano por la starigata laborgrupo de Federacio Esperanto de Barato akceptita de la partoprenantoj de la 4a SAS**

1. Starigi provizoran laborgrupon por FEB.
2. Krei laborplanon por FEB, aprobita de la 4a SAS.
3. Pripensi manieron formale elekti novan estraron por FEB.
4. Trovi vojon aktualigi la Statuton de FEB.
5. Starigi retan grupon kaj aliajn kontaktilojn por instruistoj, kunlabore kun ILEI.
6. Kunlabori kun UEA kaj ILEI por disdoni atestilojn pri kurspartopreno.
7. Taksi la inform- kaj instru-helpilojn je dispono.
8. Evoluigi planojn por krei novajn helpilojn laŭ la bezonoj.
9. Esplori eblojn por starigo kaj flego de informcentro en Barato.
10. Eldoni retan revuon – rekreu membraron – enkonduku 3-jaran membrecon.
11. Plekti Sud-Azion pli forte en la bultenon 'Esperanto en Azio'.
12. Proponi trejnkursojn, eble pere de la AMO-programo.
13. Taksi la utilon de reklamkampanjo en *Facebook*, kiun UEA povos helpi realigi.
14. Solvi la pagadon de AM-kotizoj al UEA.
15. Altigi la nombron de individuaj membroj en UEA pere de Fondaĵo Canuto.
16. Nomumi ĉefdelegiton por Barato, kiu administru kaj kreskigu la Delegitan Reton.
17. Efikigi la laboron de FEB per starigo de du regionaj branĉoj: norda kaj suda Barato.
18. Restarigu la Kongresojn de FEB.

**Historia skizo de SAS**

Unua SAS en Katmanduo, Nepalo 2012
Dua SAS en Lahore, Pakistano 2014
Tria SAS en Kolombo, Srilanko 2015
Kvara SAS en Bangaloro, Barato 2017
Kvina SAS en Katmanduo, Nepalo 2019

# Strategia forumo de UEA
# en la urbo Hangzhou, Ĉinio

Strategia forumo de UEA pri Orientazia Movado okazis en la 23-a de oktobro 2017 en la urbo Hangzhou, Ĉinio. Sub la prezido de la prezidanto de UEA d-ro Mark Fettes ĉeestantoj analizis nunan situacion kaj diskutis pri estonta direkto de la movado en Orientazio.

Jen estas nomlisto de la ĉeestantoj.

Mark Fettes / prezidanto de UEA
LEE Jungkee / estrarano de UEA pri azia movado
Inumaru Fumio / vicprezidanto de KAEM
Chimedtseren Enkhee / sekretario de KAEM (prezidanto de Mongola Esperanto-Asocio)
WANG Tianyi (Ĉielismo) / prezidanto de IKEF
Gong Xiaofeng (Arko) / vicprezidanto de ILEI

Jenaj temoj estis diskutitaj en la forumo.

1. Starigo de 'Azia Informejo de UEA' en Xian, Ĉinio.
2. Nova nomo de Azia komisiono. La rekomendita nomo estas 'Azia-Oceania Komisiono' por unueciĝi kun aliaj kontinentaj komisionoj. Sed 'KAEM' estos uzata kiel karesnomo.
3. La propono de Universitato Kunming kun la nomo 'Esperanto-Eduka Centro de Sudorientazio' estos traktata fare de UEA, konsiderante la proponon de 'Esperanto-Muzeo de Zhaozuang'.
4. Subvencio por movado en Centra Azio kaj Barato.
5. Plifortigo de kunlaboro kaj informŝanĝo inter provincoj por tutĉina movado.
6. Nova projekto de KAEM por verki 'Historio de Azia Esperanto-Movado'-n (proponita de d-ro SO Jinsu).
7. Okazigo de regula somera kurso-kunveno laŭ Silka Vojo.
8. Kompili liston de 'animoj' de provincaj movadoj por informinterŝanĝo (tasko de Ĉielismo).
9. 'Esplorcentro de Esperanto-Kulturo' ene de Universitato Liaoning estas pli esplorinda fare de KAEM kaj WU Guojiang.

# MEZA AZIO

## Kelkaj iniciatoj por reaktivigi la movadon

Dum la soveta epoko en diversaj urboj de mezaziaj landoj, tiam sovetaj respublikoj, ekzistis sufiĉe vigla E-movado : en Kazaĥio, Uzbekio kaj Taĝikio. Malpli aŭdeblis ĉi-rilate Turkmenio kaj Kirgizio. Post disfalo de Soveta Unio kaj sendependiĝo de la menciitaj landoj la situacio ĉirkaŭ Esperanto draste ŝanĝiĝis. Ekonomia situacio en la landoj kaj forpaso de kelkaj entuziasmaj E-aktivuloj silentigis E-agadon. Tial KAEM/UEA planas reaktivigi E-movadon en la landoj de Meza Azio. Tiucele oni lanĉis jam kelkajn iniciatojn, inter ceteraj – E-lernadon pere de enretigita E-lernolibro en http://www.gazetaro.org/mamutido/ (por rusparolantoj). Kial por rusparolantoj? Laŭ disvastigo de la rusa lingvo la Centran Azion eblas dividi je du grandaj zonoj. Al la unua zono apartenas Kazaĥio, kie pli ol 85% de la popolo scipovas la rusan lingvon, kaj al la alia – Kirgizio, Uzbekio, Taĝikio kaj Turkmenio, en kiuj la rusan lingvon scias de 20 ĝis 50% de la loĝantaro. Kazaĥaj geesperantistoj el la urbo Ĉimkent jam komencis traduki la supremenciitan E-lernolibron en sian nacian lingvon. Tio estas salutinda! Nun estas planata ĉeesta E-instruado de la aŭtoro de la lernolibro somere 2018, plej verŝajne ekde fino de julio por 2 semajnoj. Se tio interesas iujn el mezaziaj gesamideanoj, tiam indas kaj endas esti pretaj: 1) kunvenigi 10-15 personojn por E-lernado; 2) trovi konvenan lernoĉambron (kun modernaj teknikiloj - komputilo, projekciilo, ekrano); 3) sekvi mem la kurson kaj poste daŭrigi ĝian gvidadon laŭ siaj tempaj kaj lokaj eblecoj. Pli konkretaj datoj kaj daŭro de E-kurso estos precizigataj dum daŭro de nia korespondado. Antaŭdankon pro via reeĥo!

Татьяна Лоскутова lota.esperanto@mail.ru

# Nepalo

## Invito al la 2a Speciala Ekskurso en Nepalo

Ĉiun duan jaron Nepala Esperanto-Asocio organizas Himalajan Renkontiĝon, en kiu partoprenantoj piedvojaĝas al la montaro. Tamen inter interesitoj pri Nepalo, iuj ne povas/volas piediri en montaro. Por tiuj homoj NEspA organizas Specialan Ekskurson sen piedmarŝado. En februaro-marto 2018 la Asocio invitas vin al tiu ekskurso.

Mi (HORI Jasuo, japano) jam vizitis Nepalon pli ol 10 fojojn, kaj ĉiun fojon mi trovas novan, interesan aferon. Piedmarŝado en montaro estas ja inda, sed ankaŭ inda estas urba kaj vilaĝa vivo. Vizito al Nepalo estos neforgesebla memoro por vi. (Foto: Himalaja Renkontiĝo en marto 2017. Mi estas la tria de maldekstre en la dua vico.)



Jen estas detala itinero:

02/26 2018: Alveno al Katmanduo, Nepalo kaj enhoteliĝo.
02/27: Vizito al la temploj Baŭdnath (budha) kaj Pasupathinath (hindua)

02/28: Vizito al la malnova urbo Patano.
03/01: Vojaĝo al Ĉitlang.
03/02: Vojaĝo al Daman, fama turisma loko, de kie oni povas vidi panorame Himalajon.
03/03-04: Vojaĝo al Ĉitaŭn Nacia Parko, kie oni povas ĝui ĝangalan vivon, elefanto-rajdon, birdobservadon ktp.
03/05: Vojaĝo al Lumbini, naskiĝloko de Budho.
03/06: Vojaĝo al Ŝiburari, kie oni loĝas en la vilaĝa domo kaj ĝuas vilaĝan, etnan kulturon.
03/07: Vojaĝo al Pokhara, bela turisma loko kun lago. Oni povas vidi belan neĝan monton de la boato sur la lago. Reveno al Katmanduo per buso.
03/08: Libera tago (turismo en Katmanduo, butikumado) kaj adiaŭa vespero.
03/09: Ekiro hejmen.

Kotizo: 900 eŭroj por la 11-taga ekskurso, restado en bonkvalita hotelo, 3 manĝoj ĉiutage, enirpagoj por diversaj lokoj kaj transportado.

# Pakistano

## Estrara kunsido de PakEsA

Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA) okazigis estraran kunsidon la 10an de septembro 2017, matene je la 10a horo en la oficejo de PakEsA en la urbo Lahore. Oni diskutis jenajn aferojn.

1. Partopreno en la 102-a UK en Seulo.

Shabbir Ahmad Sial raportis pri siaj partopreno kaj rolo en la 102-a UK en Seulo. Li ankaŭ raportis pri okazintaj agadoj. Fine li donis ricevitajn donacojn, dokumentojn kaj libretojn al Hafiz. Abdul Qudoos, ĝenerala sekretario de PakEsA.

2. Partopreno de PakEsA en okazonta la 103-a UK.

Oni decidis, ke en la venonta jaro PakEsA sendu sian grupon al la 103-a Universala Kongreso.

3. Membreco de PakEsA.

Oni decidis doni membrecon de PakEsA al komencantoj kaj nov-esperantistoj en diversaj urboj de Pakistano.

4. La 4-a Sud-Azia Seminario

La 4-a Sud-Azia Seminario okazonta en Barato, sed partopreno de PakEsA estos neebla pro vizo-problemo.

5. Kunlaboraj Programoj de PakEsA.

Oni diskutis pri kunlaboraj programoj kun aliaj organizaĵoj kaj lernejoj en diversaj urboj.

6. Esperanto-kursoj.

Oni planis Esperanto-kursojn en diversaj urboj por disvastigi Esperanton en Pakistano.

7. Revuo de PakEsA "Facila Esperanto".

Oni diskutis pri la revuo de PakEsA "Facila Esperanto". Oni decidis presigi ĝin en Lahore.

8. Buĝeto de Centra kaj Prezidanta oficejo.

Oni diskutis pri buĝeto de Centra oficejo (Multan) kaj Prezidanta oficejo (Lahore) kiuj suferas pro financaj problemoj.

9. La 40-a Jara Kongreso de Esperanto en Pakistano.

Laŭ la jara plano de 2017, la 40-a Jara Kongreso de Esperanto okazos en Lahore la 15an-16an de decembro 2017.

Altaf Rauf, Informa Sekretatio de PakEsA.



# Koreio

## Lastatempa Korea Esperanto-Movado

Korea Esperanto-Asocio, verkita de HO Song

### Ĝeneralaj aferoj

1. Korea Esperanto-Asocio estas la landa asocio de Universala Esperanto-Asocio ekde la jaro 1976, kaj fondita en la 31a de julio 1920.
2. Adreso de la asocio: 1601 Gangbyeon Hansin Core B/D, 4da-gil-18 Mapo-daero Mapo-gu, Seoul 04177 Korea; Tel.: (82+2)717-6974; Faks.: (82+2)717-6975; Retejo: www.esperanto.or.kr; Retadreso: kea@esperanto.or.kr
3. Nombro de la membroj kun jarkotizo: ĉ. 270 (inkl. 166 dumvivajn membrojn), krom filiaj membroj kaj interretaj membroj.
4. Dungas 1 oficiston, la ĝeneralan sekretarion.
5. La asocio havas propran oficejon en Mapo, Seulo.
6. Decidrajton plej altan havas la Kunsido de Deputitoj, kaj Estraro kun laborperiodo de 3 jaroj konsistata el maksimume 20 personoj plenumas aferojn komisiitajn de la Kunsido de Deputitoj.

### Eldonado

1. “La Lanterno Azia”, la oficiala organo de la asocio, eldoniĝas ĉiu-monate krom la kunbindita julio-aŭgusta numero.
2. La asocio eldonis 1) Korea Antologio de Noveloj 2) Interesaj Esprimoj en Korea Lingvo 3) Esperanto kaj Mi, kaj ĝiaj membroj aliajn verkojn.

### Organizado

1. La asocio organizis la 49an Korean Kongreson de Esperanto, en Seula Junula Gastejo, en la 21a-22a de oktobro 2017.
2. La asocio organizis Vintran kaj Someran Tutlandajn kurskunvenojn kvarfoje jare.
3. Por la organizado de la 102a UK (en HUFS, la 22a-29a de aŭgusto 2017), la asocio organizis LKK, kiu konsistis el 14 membroj, kaj ĝi

aktivadis kunlabore kun UEA. En tiu kongreso aliĝis koreaj esperantistoj 242, kaj iom pli da aliaj koreoj.

Krom la 102a UK, okazis ankaŭ la 90a SAT-Kongreso (en Gimpo, la 29 de julio - la 5a de aŭgusto 2017), kaj la 50a ILEI-Kongreso (en Busan, la 15a - la 22a de julio 2017), la 13a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado kaj ankaŭ aliaj, nome IKEF-Konferenco kaj Renkontiĝo de Esperanto-Sarangbang.

4. Korea Esperanto-Junularo (KEJ) aktivadis volontule kaj praktike por helpi la 102an UK-n, kaj okaze de tiu evento eldonis sian revuon Nova Verda Voĉo.
5. La asocio organizis TEKO-n (Tegmenta Komisiono por la 2a Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio okazonta en la urbo Nara, Japanio, en la 12a – 14a de oktobro 2018).

**Kursoj kaj Disvastigoj de Esperanto**

1. La studado per interretaj tujmesaĝiloj estas vigla precipe en korea Esperantujo. Tie oni legadas, prezentadas, interŝanĝadas esperantajn lernadojn. Ankaŭ la filioj mem fojfoje organizas kursojn por la civitanoj kaj por la lernejaj studentoj.
2. HUFS-Univeristato kaj Kyeonghee-Universitato daŭrigas organizi Esperanto-kursojn kiel normalan studobjekton elekteblan.
3. Nam-kang-Esperanto-Lernejo (fondinto: BAK Wha-jong) organizadas tutlandan studkunvenon aŭtune kaj printempe. La 35an en la venonta 11a-12a de novembro.
4. Seula Esperanto-Kultur-Centro (estro: LEE Jung-kee) ĉiumonate daŭrigas organizi elementan (ĉiumarde) kaj meznivelan (ĉiusabate) kursojn.

**Disvastigo per Interreto**

La asocio lastatempe (tuj post la 102a UK en 2017) tre nove dezajnis sian retejon por multe pli facila kaj efika enirado kaj traktado por la konstanta uzo de la asocio mem kaj por la vizitantoj. Tie oni povas tre efike disvastigi kaj preni informojn. (fino)

# Vjetnamio

## Novaĵo el Hanoja E-Asocio.



La 13an de septembro 2017, en la sidejo de Hanoja Unio de Amikecaj Organizoj (HUAO), Komitato de Hanoja E-Asocio (HanEA) kunsidis. Tio estas la unua kunveno de la nova, ĵus elektita komitato de HanEA. Ĉi-foje, sub gvidado de la nova prezidantino NGUYEN THI PHUONG MAI, la nova komitato diskutis pri diversaj aferoj:

1. Atribuis taskojn al ĉiu komitatano.
2. Decidis reeldoni informilon post longtempa ĉesado.
3. Preparado celas al tutjara bilanco de Asocio je la fino 2017.
4. Faris membro-kartojn al ĉiuj asocianoj.
5. Altigis lingvkapablon al ĉiuj membroj (reguligis, ke en E-kunvenoj de societoj nepre parolu esperante…)
6. Preparado kontribui en la 9a AK 2019 en DANANG, tuj de nun asocianoj devas multe praktiki lingvan konversacion, kuraĝigi membrojn partopreni al 9a AK, kaj labori kun VEA…

Ĉiuj komitatanoj promesis bone determine fari siajn taskojn.

HA NGUYEN




# Jubilea Festo okaze de la 20-a datreveno de Hanoja Esperanto-Asocio (1997-2017)

20 jarojn antaŭe, Hanoja Esperanto-Asocio (HanEA) oficiale fondiĝis. 20 jaroj ne estas longa tempo, sed ili markas la daŭran, senlacan kontribuon de kelkaj generacioj de hanojaj esperantistoj.

Por marki la etapon de konstruado kaj disvolviĝo, HanEA deziras festi sian 20-an datrevenon la 19-an de decembro 2017.

Ĉi-evento estas la okazo por HanEA-anoj revizii la tradicion de la Asocio, fari la bilancon de siaj atingaĵoj, kaj interŝanĝi opiniojn por plifortigi kaj disvolvigi ĝin.

La 20-a datreveno de la Asocio estas grava evento por hanojaj esperantistoj. Ni do planas organizi internacian renkontiĝon de aziaj esperantistoj en Hanojo, la ĉefurbo de Vjetnamio, la 19-an de decembro ĉi-jare. Hanojo, la urbo de paco, bonvenigos vin kun granda plezuro.

Viaj salutoj estas varme bonvenataj. Viaj salutoj kaj ĉeestoj grande kuraĝigos la junan asocion – HanEA. Elkoran dankon.

Nguyễn Thị Phương Mai<goldenprocom@gmail.com>;

## Junaj gefrancoj planas vojaĝi en Azio

Ni estas paro de francaj junaj vojaĝemuloj, Kamij Bonvivo kaj Aleks Andre, kaj ni alvenos en viajn landojn dum februaro–aŭgusto 2018. Ni ambaŭ laboras en francaj mezlernejoj, Kamij kiel enlerneja biblioteko-estrino, Aleks kiel matematiko-instruisto franca-lingve kaj angla-lingve. Ni planas vojaĝi sinsekve po unu monato ĉiufoje al Irano, Barato, Nepalo, Ĉinio, Vjetnamio, Kamboĝo kaj Tajlando. Ni ja deziras konatiĝi kaj ellerni pli pri la kutimoj kaj valoroj de la multjaraj socioj de la Azia mondo.

Aleks Andre xander.lea.daren@gmail.com

## Rusio

# Rusiaj Esperanto-Tagoj – 2017

La 2an - la 9an de aŭgusto 2017 en urbo Poŝeĥonje (Jaroslavla regiono, Rusio) okazis Rusiaj Esperanto-Tagoj - 2017 (RET-2017) kun partopreno de 62 esperantistoj el Kubo, Israelo, Belorusio kaj Rusio. El la azia parto de Rusio venis 9 esperantistoj: po du - el Krasnojarsk, Tomsk kaj Jekaterinburg; po unu - el Ĉeljabinsk, Tjumen' kaj Surgut (Ĥanty-Mansia Aŭtonoma Distrikto).

En la programo okazis interpretista konkurso el la rusa en Esperanton, kiun gajnis Aleksandr Lebedev el urbo Jegorjevsk (Moskva regiono) kaj iĝis la ĉampiono de Rusio de la jaro 2017. La duan lokon okupis Mikaelo Povorin el Moskvo. La trian lokon okupis Aleksandr Mitin el Niĵnij Noovgorod. La konkurson juĝis Nikolao Gudskov (Moskvo) kaj Vladimir Minin (Tomsk).

En la programo okazis ankaŭ PIV-ludo ("naduvaloĉko"). La ludon gajnis Nikolao Gudskov kaj iĝis la ĉampiono de Rusio de la jaro 2017 kun 9 poentoj. La duan lokon gajnis Mikaelo Povorin kun 7 poentoj. La trian lokon gajnis Dmitrij Osipov kun 5 poentoj. Ĉiuj tri estas el Moskvo. La ludon gvidis kaj juĝis Vladimir Minin (Tomsk).

Enkadre de RET okazis la 29-a konferenco de Rusia Esperantista Unio (REU), en kiu la REU-estraro anoncis, ke UEA proponis al REU organizi vican AMO (Aktivula Maturiĝo) - seminarion en Rusio novembre-marte (2017-2018). Jam okazis plurdek AMO-seminarioj en la mondo, sed ankoraŭ neniam en Rusio. Mi proponis organizi ĝin enkadre de "Novojarsko-2018", kiu okazos en urbo Tomsk (en la azia parto de Rusio) la 30-an de decembro 2017 - la 5-an de januaro 2018. Mi proponis tion kiel la vicprezidanto de Tomska Esperanto-Klubo kaj membro de la organiza komitato de "Novojarsko-2018". Ankaŭ Konstantin Obrazcov, kiel la prezidanto de Tomska Esperanto-Klubo kaj membro de la organiza komitato de "Novojarsko-2018", subtenas tiun ĉi proponon.

Vladimir Minin <mininvl@yahoo.com>

# Indonezio

## 100 geesperantoj festos 100-jariĝon de SEL

Cent esperantaj skoltoj festos 100-jariĝon de Skolta Esperanto-Ligo (SEL) en Medan-o, Sumatra-Insulo, Indonezio, en 2018. La projekto, kiu nomiĝas "Esplorada Vojaĝo", celas varbi 100 geskoltojn en Medano por lernigi al ili Esperanton kaj festi 100-jariĝon de SEL en la venonta jaro.

Post kelkaj monatoj, la celo estos atingita laŭ la gvidanto de la projekto, Farid Osama kaj Syaiful. Aliaj membroj de la projekto estas Yuni, Perdana, Nurqi, Reyhana kaj Noval. Ili lernas Esperanton per "lernu esperanton en 12 tagoj" kaj aliaj interretaj lerniloj.

Ĉiuj esperantistoj povos festi kune.

La retpaĝo de Skoltisma Movado en Sud-Orienta Azio estas ĉi-sube: https://sodesoa.blogspot.com




Esperantistaj skoltoj en Medano, Sumatra, Indonezio



Kvankam la vetero ne estis tiel bona, la sprito de la gejunuloj en Bogor-o, Java Insulo, Indonezio, estis brila. La enkonduko de Esperanta-skolta movado en Leuwiliang-a lernejo estis arangita de s-ino Devi Damayanti la 24an de aŭgusto 2017.

Adamo ENG, Malajzio

## Ĉinio

# Okazis granda publika prelego en Liaoning

Por festi la Zamenhofan jaron kaj la 130-an datrevenon de la unua libro, granda, publika prelego kun titolo "Internacia lingvo de la estonteco kaj Kreinto de Esperanto Zamenhof" okazis en la 23-a de julio 2017 en Shenyang, ĉefurbo de Liaoning, Ĉinio. Ĝin partoprenis pli ol 130 civitanoj, i.a. eksa urbestro, profesoroj, artistoj, entreprenistoj, raportistoj, studentoj kaj tiel plu.




Enirante la oran halon, oni tuj vidis fonan muron kun vortoj "Zamenhofa Jaro" kaj versioj de ses laboraj lingvoj uzataj de UN, nome angla, araba, ĉina, franca, hispana kaj rusa. Estis surpendita la ĉina pentraĵo, portreto de Zamenhof, kiun s-ino Wang Ping, fama pentristino, faris por la Zamenhofa Jaro. En la emociiga himno "La Espero" eniris la halon s-ro Zhao Guanghui, ĝenerala sekretario de Liaoning-Internacia Ekonomia kaj Kultura Klubo (LIEKK) svingante novan standardon, kiun s-ino Zheng Quan, vicprezidantino de Liaoning-provinca

Esperanto-Asocio, speciale faris por la aktivado, kaj ĝi estis transdonita en manojn de ĉiu partoprenanto. Najie-Deklam-studio de Liaoning-provinca Televidstacio refoje deklamis la himnon.

Sekve s-ro Liu Weijie, esperantisto kaj prezidanto de LIEKK, faris tiun prelegon el kelkaj flankoj, inkluzive de vivo de Zamenhof, formiĝo kaj kreo de Esperanto, evoluo de la monda Esperanto-movado, lernado de Esperanto kaj tiel plu. Post la prelego nemalmultaj partoprenantoj esprimis dezirojn prepari sin por lerno de Esperanto.

S-ro Wei Yu, konata poeto kaj kaligrafo, skribis subskribon de la prezidanto Mao Zedong por la Esperanto-ekspozicio okazinta en 1939 en Yan'an, nome "Mi diras ankoraŭ la samon: se oni prenas Esperanton kiel formon por porti la ideon vere internaciisman kaj la ideon vere revolucian, do, Esperanto povas esti lernata kaj devas esti lernata", kaj versduojn: "Ĉiu parto ligiĝas al unu mondo per la sono de unu lingvo; Ĉiu angulo brilas en Ĉinio per la koloro de la floroj."

S-ro Dong Xiaoxuan, konata kaligrafo, skribis versduojn faritajn de s-ino Li Yingzi, raportistino el Shenyang-a Televidstacio: "La monda lingvo atingeblas ĉie per plenaj konkordoj; La bela sono komunikiĝeblas vaste per bonaj deziroj." Profesoro Wang Jingwen el Shenyanga Normala Universitato verkis novaĵan skizon. La poetino Su Na verkis longan poemon kun la titolo "Emocia esprimo al Esperanto".

Tiutage la prelego koincidis kun la solena malferma ceremonio de la 102-a UK en Koreio, s-ro Wu Guojiang speciale sendis al la prelego priajn fotojn kaj videojn. El ili la partoprenintoj vere vidis, kia estas la UK, kaj sentis fieron kun la internacia granda familio de esperantistoj en la sama tago.

Poste entute 8 amaskomunikoj raportis la aktivadon, i.a. raportistino el la Fenikso-Liaoning (ln.ifeng.com) intervjuis s-ron Liu Weijie. La aktivado ricevis varman eĥon el socio, nemalmultaj homoj kontaktis esperantistojn por plimulte scii kaj lerni Esperanton. Ĉi tie oni kore dankas kaj fiksmemoras eksterlandajn esperantistojn pro subteno en tradukado de kelkaj lingvoj pri Zamenhofa Jaro kaj koraj gratuloj.

Wu Guojiang ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com

# La 2-a Henan-a Esperantista Kongreso




De la 20-a ĝis la 22-a de oktobro 2017 en Anyang-urbo de Ĉinio, okazis la 2-a Henan-a Esperantista Kongreso, kiu estis organizita de Henan-a Esperantista Grupo (HEG) kaj Anyang-a Esperantista Grupo (AEG). La kongresa temo estas "Lernado kaj Vojaĝado". La kongreson ĉeestis 26 esperantistoj el provincoj Henan, Shanxi kaj Liaoning. Dum la kongreso oni okazigis Interkonan Vesperon (la 20-an), Inaŭguron, Laŭtlegadon, Teman Prelegon, Kunsidon pri la Kongresa Temo, Vizitadon al la Nacia Muzeo de Ĉinaj Skriboj, kaj Fermon. Kaj post la kongreso partaj esperantistoj vojaĝis al la Granda Kanjono de Linzhou en la 23-a de oktobro.

Matene de la 21-a de oktobro inaŭguriĝis la 2-a Henan-a Esperantista Kongreso en la Komerca Hotelo Huamao de la urbo. La malferman ceremonion prezidis s-ino Wang Min, ĝenerala sekretariino de Henan-a Esperantista Grupo (HEG). Post kantado de "La Espero" s-ro Ma Haibin prezidanto de HEG faris inaŭguran parolon. Al la kongreso gratulojn faris reprezentantoj el urboj Zhengzhou, Kaifeng, Luoyang, Xinxiang kaj Anyang de la provinco Henan. Ankaŭ 3 gastoj

invititaj el provincoj Shanxi kaj Liaoning gratulis al la kongreso. Por esprimi sian gratulon s-ro Huang Yinbao, ĉefredaktoro de Unesko-Kuriero en Esperanto, sendis artikolon pri Unesko-Kuriero al la kongreso. Post la inaŭguro kongrestemajn prelegojn faris unu post la alia, s-ro Ĉielismo Wang, prezidanto de Internacia Komerca kaj Ekonomia Federacio, kaj prezidanto de Xi'an-a Esperanto-Asocio, kaj s-ro Zhao Chenghua, vicprezidanto de Internacia Komerca kaj Ekonomia Federacio kaj vicprezidanto de Shenyang-a Esperanto-Asocio.

La sekvantan tagon de la Amuza Vespero, la 2-a Henan-a Esperantista Kongreso fermiĝis en Anyang-urbo. S-ino Zhao Hua estas elektita kiel ĝenerala sekretariino de Henan-a Esperantista Grupo. Anyang-aj esperantistoj transdonis la verdstelan flagon al Zhengzhou-aj esperantistoj. Vicprezidanto de HEG, Konlo, faris la ferman paroladon kaj esprimas al diverslokaj esperantistoj bonvenon en Zhengzhon-urbo.

Henan-aj esperantistoj agas mano en mano kaj iras kune en la novan epokon. KONG Lei < konle5@163.com >

## Eldoniĝis libro pri Zamenhof




Por Zamenhofa Jaro s-ro Song Yunsheng, fama verkisto, tradukisto kaj eksa vicprezidanto de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio), finverkis la 299-paĝan libron "La kreinto de Esperanto kaj Homaranismo—D-ro Zamenhof kaj Lia Familio" post sesmonata penado. Ĝi detale prezentas d-ron Zamenhof kaj lian familion, inkluzive de la kreinto de Esperanto mem, kaj liaj gepatroj, edzino, filo kaj bofilino, filinoj, junaj fratoj, junaj fratinoj kaj nepo. Tiu ĉi ĉinlingva libro (148mm×210mm) estis eldonita de Eldonejo de Liaoning-a Universitato en septembro 2017 kaj presita en oktobro 2017. Tiucele alia libro "Naturaj Lingvoj kaj Artefaritaj Lingvoj" estas en verkado. Wu Guojiang (vicprezidanto de LEA, ghemelurboj@sina.cn)

# Japanio+Koreio




## La 2-a Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio

La 105-a Japana Esperanto-Kongreso
La 50-a Korea Kongreso de Esperanto

**Kongresa temo:** Diverseco kaj komuneco de kulturoj – en Esperanto
**Dato:** la 12-a, 13-a, 14-a de oktobro 2018
**Kongresejo:** Kultura Domo de Nara (Nara-ken Bunka Kaikan)
**Organizantoj:** Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Korea Esperanto-Asocio (KEA)
Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj (KLEG)




**Ĉefaj programeroj** (provizoraj)
La 12-a de oktobro (vendrede)
atm: Vizito al Memoraĵa Domo de Nara Virina Universitato, en kiu studis Hasegaŭa Teru, plumnome Verda Majo
ptm: Akceptado, Fakkunsidoj
vespere: Prezentado kaj Amika vespero
La 13-a de oktobro (sabate)
Inaŭguro, Publikaj prelegoj, Fakkunsidoj, Bankedo
La 14-a de oktobro (dimanĉe)
Frumatena promenado en Nara-Parko por viziti mondajn heredaĵojn, Fakkunsidoj, Ferma ceremonio

**Publikaj prelegoj** (provizoraj)
"Formiĝo de budhisma kulturo en Japanio" de d-ro Senda Minoru, la direktoro de Nara-Gubernia Biblioteko
Baleto de infanoj kiuj lernas en la studio "Esperante"
Kaj aliaj
**Memoraĵo:** Libro "Nara la eksĉefurbo en malproksimaj tagoj"

**Postkongresa Ekskurso** (per buso)

En la 15-a de oktobro

Ekiro→ Du ŝintoismaj temploj en la urboj Tenri kaj Sakurai→Varma Fonto de Sumoto en la insulo Aŭaĵi (tranokto)

En la 16-a de oktoboro

Aŭaĵi → La markolo Naruto → Ripozejo Awaji Highway Oasis → Kobe / Osaka / Kansai-Internacia Flughaveno (KIX)

**Pri detalaj informoj** havu kontakton kun Japana-Esperanto-Instituto
JP-162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
retadreso: komuna2018@jei.or.jp

## La 19a NurEsperanta Kunvivado

La 26an – 28an de aŭgusto okazis la 19a NurEsperanta Kunvivado kaj en ĝi sume 15 personoj ĉeestis. Ĉi-jare rimarkinde estis, ke ni ĝuis la kunvivadon eĉ en profunda nokto gaje bruigante la tutan ĉambron.

La ĉefaj enhavoj estis, kiel kutime:

* Grupa interparolado, en kiu kvar grupoj kvaropaj interne interparolas esperante.
* Komuna kunsido, en kiu oni aŭskultas lecionon kaj raporton.
* Plezuraj programeroj, ekz. Gajaj Vesperoj kaj Ekskurso.

Laŭtitole ĉiuj parolis nur esperante dum la tuta tago, escepte de nokta paradizo. Ni vidis, ke ankaŭ komencantoj kuraĝe parolis Esperanton en grupa interparolado, ĉar ili havis bonan preparon pri la parola temo. La montritaj temoj estis: mia vojaĝo, mia lernado, esperantaj elsendoj, Brajlo k.a.

En la komuna kunsido, ni aŭskultis raporton pri la UK, ILEI, Verda Lernejo, Himalaja Renkontiĝo ktp.

En Gaja Vespero ni ĝuis prezenton de diversaj artoj de la partoprenantoj: bildoteatro, muzikplenumo, danco, magia ĵonglado ktp. En la dua tago ni ekskursis al Akvofalo de Dorjuu, Pontego de Higasisaŭa k.t.p.

Feliĉe ĝuinda renkontiĝo! Ĝis la venonta somero.

## Internacia Kunlabora Festa 2017 en Nagoya

La 14an kaj la15an de oktobro okazis la “Internacia Kunlabora Festa 2017 en Ngoya” en Sakae, la centro de la urbo Nagoya.

En la festo pli ol 60 grupoj montris siajn agadojn kaj ankaŭ Nagoya-Esperanto-Centro montris Esperantaĵojn. Ĉirkaŭ 3000 urbanoj vizitis kaj pli ol 500 el ili vizitis la standon de NEC.

Multe helpis por vigligi la standon du junulinoj, Aika, la nepino de s-ro Jamada kaj Midori el Vjetnamio. (Saliko)

# Uzbekio

## Salutoj el 2750-jara Samarkando!


4 Культура

Грани сотрудничества

Эсперанто сближает народы и культуры

La Internaciaj Letertagoj "Vorto pri Samarkando", dediĉitaj al Tago de la Urbo, tre bone sukcesis. Venis multegaj leteroj kaj aliaj materialoj el plej diversaj partoj de la terglobo. Multaj reeĥoj estis publikigitaj en nialandaj retaj kaj paperaj periodaĵoj.

La 16-an de septembro 2017 en niaregiona tagĵurnalo "Samarkandskij Vestnik" ("Heroldo de Samarkando") aperis duonpaĝa artikolo pri la 102-a UK. Kunsendatas la foto de papera eldono kaj ties retaj versioj:
http://sv.zarnews.uz/istoriya/5162-esperanto-sblizhaet-narody-i-kultury.html
http://www.kultura.uz/view_2_r_10060.html

Laŭbezone, por kompreni la enhavon, vi povas senprobleme Esperantigi aŭ nacilingvigi la tekston, uzante Translate.Google.Com aŭ iun similan aplikaĵon.

Anatoli Ionesov, Enciklopedia projekto "Samarkandiana"
P.O. Box 76 UZ-140100 Samarkando, Uzbekio imps86@yahoo.com

## Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.

A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp, per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.

B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Japanoj, Israelanoj: | 20 eŭroj, | Koreoj: | 10 eŭroj, |
| Ĉinoj: | 5 eŭroj, | Aliaj azianoj: | 2 eŭroj |

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA.
Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.

C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-Kongreso pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj.

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj**
D-1: Eldoni necesajn librojn.
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp al kluboj, asocioj.

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

**2018**
02/11-17: La 9a TutAmerika Kongreso de Esperanto (Havano, Kubo)
07/21-28: La 51a ILEI-Kongreso (Madrido, Hispanio)
07/28-08/04 : La 103a UK (Lisbono, Portugalio)
08/05-12/ La 91a SAT-Kongreso (Kragujevac, Serbio)

Internacia Esperanto-Sumoo
la 49a Sumoo : 2017/11/12-26
la 50a Sumoo : 2018/01/14-28
la 51a Sumoo : 2018/03/11-25
la 52a Sumoo : 2018/05/13-27
la 53a Sumoo : 2018/07/01-08 (8 tagoj)
la 54a Sumoo : 2018/09/09-23
la 54a Sumoo : 2018/11/11-25

Pli detale pri Sumoo vizitu
Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo

## Azio kaj Oceanio

**2017**

12/30-2018/01-02: Transjara Kurskunveno (Kameoka, Japanio)
Decembre: la 36a Komuna Seminario (Chonqingm Ĉinio)

**2018**

02/26-03/09: La 2a Speciala Ekskurso 2018 (Katmanduo, Nepalo)
03/28-04/01: La 2a Trilanda Kongreso de Esperanto (Bekasi, Indonezio)
04/20-22: Printempaj Tagoj de Jacugatake-Esperanto-Domo (Jamanaŝi, Japanio)
04/26-28: la 19a Israela Kongreso (Akko, Israelo)
Majo aŭ junio: La 67a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)
Majo aŭ junio: La 66a Kansaja Esperanto-Kongreso (Osaka, Japanio)
09/15-17: Aŭtunaj Tagoj de Jacugatake-Esperanto-Domo (Jamanaŝi, Japanio)
10/12-14: La 2a Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio (Nara, Japanio)

## KAEM-anoj

Prezidanto: So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Vicprezidanto: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com
Sekretario: Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com

**Okcidenta kaj Centra Azio**

Israelo: Eran Vodevoz, evodevoz@yahoo.com
Irano: Hamed Sufi, sufihamed@yahoo.com
Taĝikio: Firdaus Shukurov, komintel@yandex.com

**Suda Azio**

Pakistano: Hafiz Abdul Qudoos Shafqat, aqshafqat1@gmail.com
Barato: Giridhar Rao, agiridhar.rao@gmail.com
Nepalo: Mukunda Raj Pathik, mpathik@gmail.com

**Sud-Orienta Azio kaj Oceanio**

Indonezio: (s-ino) Ilia Sumilfia Dewi, ilia.dewi@gmail.com
Vjetnamio:(s-ino) Nguyen Thi Phuong Mai,goldenprocom@gmail.com
Aŭstralio: Sandor Horvath, sandorhorvath07@gmail.com

Nov-Zelando: Bradley McDonald, bradley@nzea.org.nz

**Orienta Azio**

Ĉinio: Wang Ruixiang, lamondo@163.com
Mongolio: Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Koreio: So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Japanio: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**

Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro@hotmail.com.co.jp
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Estrarano de UEA**

Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

**Retpaĝoj de KAEM**

(1) La retejo de KAEM. http://www.esperantoazia.net/
(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm
Klarigo pri la membriĝo al la retejo
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356
Vi tuj gajnos la permesan rajton de la ŝanĝado de la retejo.
(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?
A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novajxo
B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado
C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
Nun tute mankas informo pri kongresoj en 2017.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj

Nomota Hiongun KIM hiongun@gmail.com

## Nekrologo

**s-ro Mine Joŝitaka** (1941/09/16-2017/06/05)

Li estis eminenta japana esperantisto ne nur en Japanio, sed ankaŭ internacie. Li ĉefe laboris en Kansajo (okcidenta parto de Japanio). Li estis ĉefa redaktanto de la revuo "La Movado" de Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj kaj prizorgis 48 librojn eldonitajn de KLEG, inter kiuj la plej grava laboro estis eldono de la serio de Eroŝenko, rusa blinda verkisto. Li fondis sian eldonejon kaj eldonis literaturan revuon "Riveroj" (entute 26 numerojn). Li estis premiito de Ossaka-Premio, la plej prestiĝa premio en la japana Esperanto-mondo, kaj li estis elektokomitatano de la premio Grabowski de UEA.

**Redaktanto pardonpetas:**

Tiu ĉi numero devis eldoniĝi en oktobro, sed jam nun estas preskaŭ meze de novembro. Kiam ĝi atingos vin, certe vi estos okupitaj pro la preparado de la venonta jaro.

La venonta "Esperanto en Azio" aperos en januaro kun raportoj de la Korea Kongreso en oktobro kaj Japana Kongreso en novembro 2017. Mi atendas aliajn raportojn el diversaj landoj kaj urboj.

Mi deziras al vi ĉiuj bonan novjaron! HORI Jasuo

…………………………………………………………………………….

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Retejo de KAEM http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Japanio 371-0825 Gunma Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3

# Aktivuloj, membriĝu al UEA, subvenciite de "Fondaĵo Azio" de UEA!

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financaj kialoj, tamen certe multaj volas esti membroj de UEA. Do, se vi interesiĝas, sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas aktiva esperantisto, ĝi aligos vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare, aŭ ĝian retan version. Vi ne plu restos izolita esperantisto, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝmaniero**

1. **Skribu la jenajn tri aferojn.**
   (1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.
   (2) Viaj agadoj por la movado en 2017 kaj planoj en 2018.
   (3) Membreckategorio: MG, MJ (-T) aŭ MA (-T)
      *MG : kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado rete la revuo.
      *MJ (-T) : kun Jarlibro kaj la revuo Esperanto rete
         (kaj ĝis inkl. 35 jaroj, membroj en TEJO kun Kontakto).
      *MA (-T) : kiel MJ (-T) plus la revuo Esperanto.
2. **Sendu rete al**:
   (1) s-ro INUMARU Fumio inumaru-f@nifty.com; aŭ
   (2) poŝte al KAEM: ĉe
      **Japana Esperanto-Instituto (JEI)**
      Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
      *Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.
3. **La unua limdato: la 8a de decembro 2017, laŭeble frue.**
   1) Skribu klare vian nomon kaj adreson.
   2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.
   3) Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA, kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio".